

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XXIII - Nº 269-270 MAYO-JUNIO-JULIO-AGOSTO 1985

**Maldekstre, Moŝto Jordi Pujol, Prezidanto de la «Generalitat» de Katalunio, atente rigardas la dokumentaron, de la Hispana Esperanto-Muzeo de Sant Pau d'Ordal.**
**La HEF Vicprezidanto kaj fondinto de la Muzeo s-ro Luis María Hernández Yzal, informas lin pri la donaco de la Muzeo al la Patronaro pri Muzeoj de Katalunio.**

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Apartado 119;
47080 VALLADOLID

REDACTOR JEFE
Giordano Mova
Balmes, 38
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz

# ENHAVO



Depósito Legal: VA. 616.—1978.
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Paraíso, 8. Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Carreras Candi, 34-36
Tfno. (93) 2402662
08028 BARCELONA

**PREZIDANTO**
Salvador Aragay i Galbany

VICPREZIDANTO
Luis María Hernández Yzal

SEKRETARIO
Víctor Ruiz Gómez

VICSEKRETARIO
Josep Miranda

KASISTO
Joan Font

Pagoj sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros
Libreta nº 2.303-26
Agencia Riera Blanca 436
08028 BARCELONA

LIBRO-SERVO DE H.E.F.
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID

Pagoj por Libro-Servo:
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ELDONA FAKO
Inés Gastón
Pº de la Constitución 35-4º
50001 ZARAGOZA

ĈEFDELEGITO DE U.E.A.
Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2º Iz.
Tfno. (942) 339487
Cuenta Postal 03548531
39003 SANTANDER

INFORMA-FAKO
Enrique Piquero Vázquez
Asín y Palacios 8-6º A
50009 ZARAGOZA

# IO PRI NIA NUNJARA KONGRESURBO, KARTAGENO

La nuna Kartageno (Cartagena) en aliaj epokoj estis konata sub diversaj nomoj: Mastia, dum la tarŝiŝa epoko, Karthadascht sub la regado de Kartago, Karche'don —nea kaj Kainé— Polis laŭ greka difino, Karthago-Nova dum la roma regado kaj Kartadjena estis ĝia nomo araba.

Kartageno estis la unua metropolo de la sudorienta hispana regiono, kaj la unua memstara civito. En ĝia teritorio, de ĉirkaŭ 300-kilometra radiuso, oni trovis valorajn juvelojn de la ibera tarŝiŝa arto: «Las Damas» = Sinjorinoj de Elche, Baza, Villena, Montealegre, kaj la trezorojn de Villena, Verdolay, Sanktejojn de Cigarralejo kaj Cerro de los Santos.

En la Biblio, Kartageno estis konata sub la nomo Tharsis. Por la bizancanoj Kartageno estis ilia bastiono en la duoninsulo. La romanoj ankaŭ nomis ĝin «Campus Spartarius». Por la araboj, nia nunjara Kongresurbo estis parto el visigota regno de la feŭdala Tadmir. Alfonso el Sabio fondis en Kartageno, kiel simbolon de unuiĝo la «Ordenon de Sankta Maria de Espanna, aŭ de «Cartagenia», kiam Hispanujo ankoraŭ ne ekzistis, kiel ŝtato.



Kartageno estis fortresa urbo kaj bazo de multaj militaj ekspedicioj, Anibal, Cisneros, Don Juan de Austria. En ĝi Galba estis proklamita imperiestro de Romo. Kartageno estis elektita, kiel elŝipiĝejo de la reĝo Amadeo 1-a, en lia veno en Hispanujon, kaj la reĝo Alfonso 13-a,

gin utiligis por enŝipiĝo okaze de sia forlaso de la lando. Kartageno estis la sanktejo de la federalismo. Nia nunjara Kongresa Rendevuejo estis la bastiono de la floto de la Dua Respubliko kaj ĝia agonio, la kvinan de marto 1939-a, ĝi ankaŭ estis la agonio de la respublika reĝimo.

Inter aliaj historiaĵoj estas menciindaj la eniro, tra ĝia strando, de la apostolo Santiago, kaj kun li la kristanismo en Hispanujon. Tra ĝia haveno estis forpelitaj la maŭroj. La 22-an de majo 1808-a, Kartageno estis la unua hispana urbo, kiu deklaris la militon al Napoleono. Nia bela mediteranea urbo, kun Kadizo estis la solaj urboj en kiujn provis eniri neniu franca generalo.

Asdrubal donis al ĝi, kiel blazonon, la kapon de taŭro, kiel simbolon de forteco. La nuna blazono de Kartageno konsistas el fortreso, sur roka insulo batata de la marondoj, kaj ĉirkaŭita de kasteloj kaj leonoj de la hispana Rekonkero.

La marhaveno estas la animo de la urbo, tion bone esprimas la populara kanteto:

Orienta Kartageno,
prave ĝin laŭdi vi rajtas,
urboj pli grandaj ja estas,
sed ne estas marhaveno.

Apud la haveno troviĝas grandaj promenejoj kaj ĝardenoj, la monumentoj al la Herooj de Cavite kaj Santiago kaj tiu al la fama inventinto de la unua subakva ŝipo Isaako Peral. La Murego de la Maro, kun siaj ĝardenoj kaj monumento al Colón, la parko de la Concepción kun sia Aŭditorio.

La haveno konsistas el kvin branĉoj: tiu milita kun enirejo al la Arsenalo, kaj submara ŝipa ŝirmejo, unu el la plej grandaj de Hispanujo. La komerca branĉo, kun grandaj kajoj. Menciinda estas tiu havena flanko destinita al la fiŝkaptado, kun sia vendohalo kaj ŝirmejo por la fiŝkapta ŝiparo. Alloga estas la parto de la haveno por maraj sportoj, kaj fine tiu industria kun bonegaj kajaj servoj, precipe tiu rilata al nafto.

La muregoj de Kartageno havis nediskuteblan protagonismon en la historio de la urbo. Kiel primicon Scipiono ornamis ilin per du muraj kronoj, kiel distingon al soldato de la armeo kaj al maristo pro ilia kuraĝo. La alano Atax, la vandalo Gunderico kaj la visigoto Suintila detruis ilin. Alfonso 10-a la Saĝulo konstruis ilin denove, starigante inter ili la Kastelon - abatejon de la milita ordeno Sankta María de Hispanujo, kiu estis la pioniro de la hispana mara armeo. Fine, Filipo 2-a, ordonis ilian tutan rekonstruon, al la arkitekto Antonelle. La nunaj muregoj estis elkonstruitaj en 1876-a jaro, laŭ deziro de la Reĝo Karlo 3-a. Ĉiu monto havas sian kastelon en Kartageno, sur la pinto de la Parko de Torres troviĝas la Omaĝo-turo, al kiu oni alvenas tra pordo portiĝita de Enriko 3-a. Fronte, en Sankta Lucia kaj sur pitoreska deklivo, plena de keloj, etendiĝas la nomata «Kastelo de la Maŭroj». En la kvartalo de la

Concepción staras la «Kastelo de la Atalaya», kiu havis gravan rolon dum la sieĝo de la Kantono. En la rodo de la «Despalmador» troviĝas la «Kastelo de Galeras».

La antikva urbo Kartageno kuŝas sur kvin montetoj, ĉirkaŭataj de la marakvo, ili estas: Asclepio, Aleto, Kronos kaj Asdrubal kaj Phasti. En kiu ajn loko de ĉi tiu zono aperas restaĵoj el kvar aŭ kvin civilizacioj. De ĉi tiu istmo, kiu komenciĝis, kie hodiaŭ trovigas la Placo de Basterreche, ekmarŝis Anibal kun siaj elefantoj, por la konkero de Romo. De ĉi tiu loko, pli malfrue, oni konstruis la «Via Aŭgusta», kiu unuiĝis kun tiuj de Tarraco kaj Cástulo. Dekstre situas, sur la «Kapo de la Maŭroj», la templo de Mercurio Thentate, egipta diino por la komerco. Arkeologie estas menciindaj la «Kolonoj Pretoriaj», tiu de la Martiroj kaj la puto de Sankta Izidoro, la Kripto de bizanca mozaiko, kiu troviĝas en la antikva Katedralo. Ankaŭ la Arkeologia Muzeo de Madrido riĉigis per la historiaj ŝtonoj elportitaj el Kartageno. En la profundaj galerioj de la minoj de la «Pozo de Babelo» konserviĝas artaĵoj kaj mueliloj de la tempoj, kiam 40.000 sklavoj serve laboris por Kartago kaj Romo.

En Kartageno elŝipiĝis Santiago el Mayor por evangelizi Hispanujon Tion certigas Lucio Flavio Dextro, la jaron 444-an, la Kronikego de Juliano, Sankta Izidoro, la Breviero Armena, la revelacioj de monahino Sor María Agreda kaj seninterrompa tradicio, kiu montras, kiel lokon de lia elŝipiĝo, ĝuste kie hodiaŭ ekzistas la Pregejo de Sankta Lucia. De ĉi tie Santiago iris al Granado, kie li fondis la unuan episkopejon en nia lando. De tiam Kartageno ĉiam estis metropola eklezio, ĝis la bizanca epoko, dum la regado de Atanagildo, Liuwa 1-a, Leovigildo, Recaredo, Viterico, Gundemaro kaj Sisebuto. En la jaro 610-a, dum la sinodo de Toledo (ĉar Kartageno troviĝis sub eksterlanda regado) oni elektis Toledon kiel Primatan Sidejon.

La triobla karaktero de Kartegeno, terkultura, marista kaj minista devigas nin esplori tiujn tri manifestiĝojn, se ni deziras kompreni ĝian spiriton. Neniel ni devas forlasi Kartagenon ne kontaktante la terkulturistojn, prefere apud muelilo kaj uzante la tipan dialekton, dum oni gustumas terpomojn «je kabana ajlo», kun tranĉaĵoj de aŭtuna, piro, kuniklaĵon kun tomato aŭ kapridaĵon rostitan. Ankaŭ ni devas kunvivi, eĉ se nur estas dum du horoj, kun la ministoj de la mino «Brunita», babili kun ili kaj kanti iliajn originalajn kanzonojn. Ni ankaŭ devas akompani la fiŝkaptistojn al la maro kaj jam, en la mateniĝo, trinki la faman «carajillo» miksaĵon de kafo kun konjako.

Estas facile orientiĝi en Kartageno. La urbo konsistas el du partoj. La malvona zono enhavas la antikvan rokan duoninsulon cirkauatan de la muregoj. La moderna parto estas ebena. La muregoj komenciĝas fronte al la Urbodomo, apud la Militista Gu-

berniestrejo kaj etendiĝas laŭlonge de la promenejo Muelle de Alfonso 13-a en la suda parto, oriente fronte al Sankta Lucia kaj stacidomo. En la norda parto la muregoj preskaŭ malaperis.

For de la muregoj, Kartageno estas ĉirkaŭata de promenejoj, kiuj kondukas nin al diversaj urbaj kvartaloj. Sude tra la Promenejo «del Muelle», lokita inter la murego kaj la havenaj instalaĵoj kaj borderita de kafejoj kaj restoracioj oni alvenas al la Domo de la Maro. De la promenejo Alfonso 13-a norde oni alvenas al la kvartaloj de Sankta Antonio Abad, Los Barreros kaj Los Dolores kaj ĉefa aŭtoŝoseo al Madrido. De la strato Ramón y Cajal vi povas iri al la kvartaloj de Ciudad Jardín, Virgen del Mar kaj Cuatro Santos. De la strato Juan Fernández vi povas marŝi ĝis la kvartalo Los Molinos. De la placo de Bartarreche oni povas iri al Escombreras, grava industria komplekso pri nafto kaj ĝiaj diversaj aplikoj, al Potmán ŝipa haveno por fiŝkaptistoj kaj ministoj kaj al minista urbo La Unión.

Estas en Kartageno kaj en ĝia apudeco allogaj strandoj, en Mazarrón estas la strandoj Isla Plana kaj tiu de Azohia, 18 kilometrojn for de Kartageno. El Portus kaj el Gorgues estas strandoj de Cabo de Palos. Je 23-kilometra distanco estas la ampleksa strando de Levante. En la fama golfeto de la «Mar Menor» = Malgranda Maro, estas tiuj de Playa Honda, Mar de Cristal, Islas Menores, Los Nietos, Los Uritias, kaj... feliĉan restadon en Kartageno!!

**Luis Serrano Pérez**

---

# Nova numero de Internacia Jura Revuo

En Majo 1985-a aperis n-ro 1/1985 **Internacia Jura Revuo** (IJR), órgano de Internacia Esperanto-Asocio de Juristoj (IEAJ).

**Internacia Jura Revuo** aperas du fojojn jare, kun riĉa kaj varia enhavo, ĉefe en la sferoj de jura teorio, kompara juro kaj internacia juro. Ĉiu kajero havas 48 paĝojn. Kvankam sur alta faka nivelo, tamen, laŭ la prezentmaniero de la temaro, la stilo estas populara kaj facile komprenebla. Abonkotizo: 150 aŭstraj ŝilingoj jare. Abonojn kaj kotizojn akceptas: D-ro Klaus Perko; Lendkai 111; A-8020 GRAZ (Aŭstrio).

---

# LA ĈI-JARA JUNULARA EVENTO: 9a HEJS-TENDARO

**Malago de la 5a ĝis la 7a de aprilo**




Tri gravaj kunvenoj okazis: la publika kunsido de nia Komitato, kaj du neformalaj interparoladoj pri la aranĝado de tendaroj, kaj la Internacia Jaro de la Junularo.

En la unua oni prenis diversajn decidojn —oni tuj vidos—, kiuj ŝanĝas la strukturon mem de la servoj de HEJS. Kun la sinteno, ke la estraro ne restu senmova, kaj ĝi estu fleksebla je la nunaj kondiĉoj, oni elektis novan:

Prezidanto: Miguel A. Sancho.
Vicprezidanto: Alberto Franco (ankâu nia komitatano en TEJO)
Sekretario kaj Kasisto: Ricardo F. Albert.

La sidejo plu estas: HEJS, Atocha, 98, 4º; 28012 MADRID.

Jorge Camacho okupiĝos pri la ofta sendo de informoj al «TEJO-Tutmonde» kaj Miguel A. Sancho pri la paĝo de HEJS en ĉi tiu revuo.

La plej grava decido estis la malaliĝo de HEJS al «Koncize». Oni pristudas la projekton, ke ĝi estu anstataŭigita per «Kontakto», per grupa —pli malmultekosta— aliĝo de niaj membroj al tiu lasta revuo.

La komisionoj daŭrigas sian agadon. Gravas precipe la pro-

jekto de la komisiono pri ekstera propagando, eldoni broŝuron pri «Esperanto kiel helpilo por la Junularo» (vidu rezoluciojn).

Alia sciiginda decido: la venontjara HEJS-rekontiĝo okazos dumpaske en Zaragozo. Informoj pri ĝi vi povas peti de nia sidejo.

En la dua kunveno de ĉeestantoj pripensis la problemon, kiel okazigi allogajn renkontiĝojn, tiel ke ili estu ankaŭ seriozaj kaj utilaj. Interesajn ideojn ni povis noti, kaj certe ni enkondukos ilin en venontajn okazojn.

Pri la tria kunveno vi povos legi ĉi-kunan rezoluciaron. Ĝi ne estas listo de bonaj deziroj. La intenco de la estraro de HEJS estas efektivigi ĝin per baldaŭa reala agado.

Miguel A. Sancho

SIMPOZIO PRI LA INTERNACIA JARO DE LA JUNULARO
En Malago, la 7an de aprilo, 1985-a

Rezolucioj:

1. Eldoni kaj disvastigi broŝuron, montrantan la praktikajn servojn, kiujn la junuloj povas profiti per Esperanto.

2. Kontakti aliajn junularajn organizaĵojn hispanajn, kaj informi ilin pri la avantaĝoj de Esperanto en iliaj internacia agado kaj kontaktoj.

3. Aranĝi kursojn en la Internacia Lingvo direktatajn speciale al junuloj okaze de la Internacia Jaro de la Junularo.

4. Okazigi ankaŭ en Hispanio internaciajn laborbrigadojn (Campos Internacionales de Trabajo) per la Internacia Lingvo.

5. Eldoni serion da kajeroj aŭ libretoj de junaj esperantaj verkistoj hispanaj, kiuj kutime ne havas eblon atingi la vastan esperantan publikon. La unuan el tiuj subvencios la Andaluzia Esperanto-Unuiĝo.

# Ĉu la «Deutsche Welle» enkondukos Esperanton?

En la somero, la Universala Kongreso (UK) kaj la Internacia Junulara Kongreso (IJK) okazos en Germanio kaj tio povas esti sanco, enkonduki Esperanton en la programo de la germana mallongonda radiostacio «Deutsche Welle», sed por esperantigi ĝin estas bezonataj multe da demandoj pri Esperanto-elsendoj.

Skribu nacilingve poŝtkarton aŭ leteron al Deutsche Welle, Postfach 100 444 D-5000 KOLN 1 (F R Germanio).

Se vi ne partoprenos la kongresojn, vi povas mencii ke volonte vi venus, sed tio ne eblas pro tiu aŭ jena kaŭzo kaj aldonu ke, almenaŭ vi ŝatus aŭskulti radioelsendojn esperantlingvaj pri Germanio kaj pri la koncerna kongreso.

Se vi partoprenos menciu tion kaj krome, ke vi jam interesiĝas pri Germanio kaj en unŭ au en alia kazo demandu ĉu la Deutsche Welle elsendos programon en Esperanto al via regiono menciante ke Radio Pekino elsendas kvar duonhorajn elsendojn kaj Radio Polonia, eĉ ses aŭ alian fakton pri aliaj Esperant-lingvaj radiostacioj.

# LA MISTERA LUMO

**Premio «Sancho-Rebullida»** en la Internacia Literatura Konkurso **de «Fundación Esperanto» en 1984-a**

Kiam en mia urbo okazis tiuj misteraj aŭ nenaturaj —por iuj, miraklaj— faktoj kiujn mi tuj rakontos al vi, la malkovro de Ameriko, fare de Kolumbo, enskribiĝis en la universalan historion cent kvardek sep jarojn poste.

Je la naŭa matene de iu vintra februara tago —ĝuste la 21-an—, neatendite la sonoriloj de ĉiu enurba preĝejo senpere malligiĝis kaj eksonoradis je ritmo de vigla svingiĝo, alvoke kaj jubile. Samtempe oni konstatis ke helega lumradio trairante saĝe la matenan urban sennuban ĉielon, eniris, tra la rozvitralo, en la karmelanan templon situantan plejalte en surmonteta kvartalo de la ĉirkaŭmuregita domaro. Multaj loĝantoj povis vidi, mirege, ke tiu rektlinia lumfasko devenis de tre malproksime: ĝuste de la plej elstara pinto de la «mirinda monto» kiun, laŭ poezia diro de senmorta popolfama bardo, «la anĝeloj pritajlis per segilo el oro».

Antau tiuj eksterordinaraj faktoj, homamaso pikite de scivoleco alfluis al la preĝeja placo. Kaj okdek viroj kiuj tiam troviĝis en la interno de la templo, povis «pli-malpli klare», laŭ la posta atestaĵo, vidi ke la trapasinta lumradio apoteoze aspektis kiel suna aŭ fajrega balono, kaj ke ĝi dispartiĝis en tri aliajn fiksiĝante, kvazaŭ ŝvebante, dum kelke da tempo, super la ĉefaltaro kaj du ambaŭflankaj. En la ekstero, la plimulto spontane spertis la bezonon preĝi al Dio per kantikoj kaj laŭdkantoj. Kaj en la preĝejmedio ĉiu havis saman antaŭsenton: ke tio estis plej evidenta manifestiĝo de la Triunuo. Kaj pri tio vidita —kaj la konceptita signifo ĝia—, la okdek atestantoj deklaris, dudek tagojn poste, antaŭ notario, pri tiu «volo dia je manifestiĝo». (Kopion, certe tiuepokan, aŭtentikan, de la koncerna akto, oni gardas kiel veran senprezan trezoron).

Sed, ĉu vere la okazintaĵoj tiel reale manifestiĝis, same kiel tia homamasa reago? Ĉu ni povas kredi tion senpripense? Malgraŭ ĉiu ebleco, ĉiujare, en mia loĝurbo, oni rememoras per solena plurtaga festado la venon de tiu «lumo», ĉar oni kredas ke ĝi, pli poste, vere lumigis obstinan menson. Sekve de tiu mistera fenomeno, kaj danke al ĝi, povis veni, kaj certe venis, la tiel longe alsopirata akva fluado tra longa kanalo, por tiel kontraŭstari la ekstremajn malbonajn rezultojn de sepjara sennuba ĉiela obstino ne priverŝi soifantajn kampojn. Kaj la akvo, ankoraŭ nun, daŭre —beno de Dio!—, ne mankas al la urbo nek al la kamparo.

Tamen, kio vere, kredinda, okazis matene, la naŭan de tiu februara tago? Multaj respektindaj personoj ankoraŭ nun, post pli ol ses jarcentoj, firme kredas je tio, ekzakte je tio, kion mi ĵus rakontis. Sed tute certe, nek la sonoriloj svingiĝis sen homa ŝnurtirado, nek tiu lumfasko fontis el la «mirinda monto», nek ĝi trairis la urban ĉielon. Nek tricent personoj alkuris por tion vidi. La «okazintaĵo», se vera, estis videbla nur interne de la templo. (Pri ĝi, diversloke mi legis ke inteligentaj sed tro fanatike fantaziemaj personoj kiuj pristudas la supozeblan ekzistadon kaj aperadon de la «flugteleroj», asertas, je favoro de siaj teorioj kaj kredoj —kaj kontraŭ ĉiu aspekto aŭ aserto religia pri mirakla ebleco—, ke tiu lumveno tra la spaco estas alia plej evidenta eksterterana manifestiĝo sur nia planedo. Tamen, kiel dirite, tio ne estas ebla, ĉar nenio okazis aŭ estis videbla ekstere).

Kion vidis, do, vere, tiuj homoj —nur viroj— kiuj fruhore, multnombre, troviĝis sub la gotika volbo? Aliflanke oni ankaŭ rajtas sin demandi: Kial ili kolektiĝis tie, malgraŭ ke de pluraj jaroj —kvin— la tuta urbanaro estis pune ekskomunikita kaj interdiktita? Ĉu hazarde kaj sencele, spite ke mesoj kaj aliaj liturgiaj ceremonioj ne povis esti celebrataj? Aŭ, ĉu bonintence, antaŭpreparante ion novan por la historio ili kunvenis tie? Tiun suspekton oni lanĉas, ĉar ankaŭ suspekto povas helpi trovi la ĝustan motivon, aŭ kaŝitan veron, inter gango kaj skorio.

Eĉ se tiuj civitanoj, konspire —sed bonintence—, kuraĝis false deklari antaŭ notario, ili ne pretendis atesti —ĉar ili tion ne faris— ke ili vidis kaj aŭskultis per aliulaj okuloj kaj oreloj. Nur post forpaso de pluraj kaj pluraj jardekoj diskoniĝis, skribiĝis kaj preskaŭ dogmiĝis tio: ke la sonoriloj senpere malmutiĝis, kaj ke la lumradio sage venis el la horizonta impone multpinta ŝtona monto. En la nuno, dum la ĉiujaraj solenaj datrevenoj, eĉ tiuj kiuj ne kredas je mirakloj festas, almenaŭ, «tion kio povis okazi», pro la plej evidentaj fruktodonaj rezultoj kiuj el homaj volo kaj strebado, de tiam enskribiĝis en glorajn kronikajn paĝojn.

* * *

Almenaŭ, sepjara senpluveco. Kiel tiu plenumita sonĝo de la Faraono: jarsepo de sekeco, grunda ŝrumpo kaj elĉerpiĝo de ĉio necesa. Rezulto: mizero, malsato, pesto, morto. Jen, do, situacio, supozeble senelira, sen minimumaj homaj rimedoj. Tamen, iuj tre kapablaj magistratanoj cerbumadis, revadis, planadis, serĉadis kaj trovis preskau neeblajn solvojn, ne foratentante ĉiun realaĵon, ĉar la plej proksima rivero fluas en tro, tro malalta nivelo; kaj la alia situas vere tre malproksime. Sed, en la lontano troviĝis la krano!

Jes. Per fosado oni povas ebenigi eĉ plej altan kaj longan montĉenon. Kaj tiel, per laborpenado realiĝis homa miraklo: la mankanta akvo, en 1383-a, laŭ arta monumenta kanalo venis al la urbo

tra dudek-ses kilometroj plenaj je kontraŭstaraĵoj. Tiu eble mitigita lumo ŝanĝiĝis en konkretan sed miraklofruktan akvon kiu ankoraŭ nun fluas —kaj irigacias nemezureblan kamparon, kaj ebligas funkciadon de konsiderinda industria aktivado.

La reĝo Petro —nia kara reĝo Petro, tiu «de la ponardo»— donis la bezonatan permeson por efektivigi tiun gravan entreprenon kiu estis tia kiel samranga al tiuj tute neordinaraj tiuepoke. Tamen, du feŭdaj sinjoroj tute konsekvence ignoris orgojle la reĝan ĉarton —almenaŭ pri la trairo de la fosaĵo tra la du respektivaj feŭdaj teritorioj. La unuan feŭdulon —la mastron de la apudrivera surmonteta kastelo— oni povis facile kontentigi per la tributo ĉiujara de du dekduoj da kaponoj. Sed la dua estis pli obstina —plej obstinega: tute necedema, ĉar li pretendis, kaj sukcesis, haltigi la pluan fosadon ne akceptante eĉ minimuman rezonadon. La mitro skuiĝis sur lia kapo kiam li agitiĝadis pro kolero aŭ li svingadis la aŭtoritatan hokbastonon; aŭ per la malsupra ekstremaĵo de ĝi li frapadis forte kaj ree klake, la ŝtonplankon de sia katedralo, kvazaŭ dirante —aŭ santempe dirante: «Ne, ne, ne! Ĉu vi jam elforgesis ke mi povas fulme ekskomuniki vin?».

Kaj vere li plenumis baldaŭ sian minacon, ĉar la soifanta kaj malsatanta popolo —kiu, spite ĉion, restadis religieme kredema— ne tuj flankenŝovis la fosilon nek rezignaciis rezigni pasive la entreprenon. Sekve de tio, pro la malpermeso kaj la spirita puno, la kanalo ne povis progresi dum kvin jaroj.

Kial flankenlasi realigeblajn revojn, pro reĝa promeso, jam komencis trairi sur la kampo de la pozitivaj faktoj, se la praviĝo morale aprobas kontraŭstari maljustecon! La feŭda episkopa sinjoro vere trouzis siajn aŭtoritatajn rajtojn, ĉar li fiere trudis punrimedojn aplikeblajn al aferoj nur spiritaj kaj ekleziaj. Li, kiel nedigna feŭdulo —kaj por aferoj nur feŭdaj je avideco homa, surtera—, do, ekspluatis sian religian rajtan povon.

Dum kvin jaroj la ekskomuniko, kaj la kroma interdikto, pezis sur la konsciencon de la tuta loĝantaro kiel ŝtontabulo larĝa je horizonto ĝis horizonto. Kion, do, fari? Kiel, kaj kiam finiĝos tiu evidenta agresa maljustaĵo?

Sed esperplena aŭroro subite, neatendite, ekaperis meze de tiu densa nokto el angoro, mizero kaj submetiĝo. Tio okazis, kiel dirite en la komenco de ĉi tiu rakonto, kiam mistera —por iuj, mirakla— lumo trasulkis matenan februaran firmamenton de la stringita urbo, laŭ legenda diro. Ne strange, do, preskaŭ ĉiu kredis pri nedubinda perado de Dio en tio. Kaj eĉ la orgojla diocezestro, informiĝinte pri tiu supernatura okazintaĵo —pri tiu manifestiĝo luma de la Patro, la Filo kaj la Sankta Spirito—, humile cedis, senkulpigis kaj pripardonis la urbon. Jen, do, mielgusta finiĝo! Jen pruvo de humileco, kvankam tro malfrue —relative.

Sed, ne, ne tiel pri la episkopo! Nu, la legendo, eĉ en tio, emis tro mildigi la realon, ĉar ne tiel simple kaj nature anatemisto cedas; eĉ, ne

strange, antaŭ sia propra morto, por pruvi, ĝis la lasta spiro, ke estis kaj estos nur unu sola pravo. La episkopo mortis, ĉu kredante aŭ ne kredante pri tiu supozata ĉiela interveno? Kaj li lasis, transdonis, la solvotan aferon al sia posteulo kiu jam ne plu foratentis la rimedon por fini kontentige kaj dece la hontan aferon. Naŭ monatojn poste subskribiĝis la konkordo —la Konkordo!

Haleluja! La Konkordo, je la 19-a de novembro 1345-a, estis nova lumo —rebrilo eĉ pli hela, eble, ol la origina Lumo— por ke la progreso plue dauru senstumble, tiel kiel sufiĉe meritas homaj bonintencaj laborfaktoj abunde priverŝitaj per roso el ŝvito kaj larmoj.

* * *

Post cio supre dirita, ĉu valoras la peno reveni al tiu antaŭa demando?: Kion, do, vere vidis, troviĝante en la preĝejo de la karmelanoj, tiuj subskribintoj de la notaria akto? Ĉu ni povas fidi aŭ nefidi je ilia deklaro? Ĉu ili estis, certe, spektantoj de io fizika aŭ nefizika, sed kredinda?

Sed, se ili vidis nenion kaj mensogis atestante, ĉu ni povus ilin indulgi? Au, ĉu ili ne rajtis tion fari por nur kontraŭstari la obstinan feŭdulon kiu senskrupule uzis, ekskluzive por siaj propraj manteriaj interesoj, rimedojn tute koncernantajn al nur aferoj de spirita doktrina administrado kaj aplikado? Plie, kiun alian argumenton, aŭ ruzaĵon, oni estus povinta trovi pli efektiva kaj pli laŭ mezuro de la mitrulo? Se la epizodo de tiu «lumo» certe estis nura kaj kruda fantaziaĵo, supozeble la «atestantoj» ne intence volis trompi la popolon sed la ekskomunikintan episkopon. Je la fundo de la supozo, kiu, aŭ kiuj, estus la elpensintoj kaj instigintoj provi trafi, tiel, ruze, la elirvojon? Armilo kontraŭ simila armilo!

De kelka tempo la karmelanoj trudadis per predikadoj la ŝaton al nova kulto —al tiu de la Triunuo. Ĉu ne estas suspektinda la koincido kun la triobla svebanta luma balono kiun, pli-malpli okdek personoj, firme kaj senpripense, je la naŭa matene de iu februara labortago, identigis kun la predikata Mistero?

Tamen, estas tute evidente ke de tiam la loka historifluo de tiu malbonŝanca urbo serpentumis laŭ aliaj meandroj, kaj alportis superabundon kaj prosperon. Sen bedaŭro, iom post iom kaj tute nature, la onidiroj pri tiu okazaĵo forviŝiĝis el la memoro de la loĝantaro. Aŭ nur restis de ĝi palaj deformiĝintaj spuroj ĝis kiam, du jarcentojn poste, la karmelana komunumo tiama eltiris el nebulo de la pasinteco la preskaŭ jam forgesitajn faktojn, kaj kronikis ilin. Sed jam estis necese verki ĉion per tuŝoj de vergeto sorĉa deprenante la spiriton de la okazintaĵoj dis de la misformita restaĵo pri kiu la loĝantaro «aŭdis rakonti de la geavoj». Tiel naskiĝas la mitoj kaj legendoj.

* * *

Kial tiel konstante kaj anksie ni urĝas nin eliri el stato de tute naturaj infanaj naiveco kaj tro facila kredemo? Pri tiu temo de la «mistera lumo» —laŭ iuj personoj, sensolva— kiun, tutcerte, mi malbonintence profanis pro troa kaj obseda priserĉado, kaj alsopirante «alian veran "veron"», nun mi demandas al mi men: Ĉu ne estus pli kaj pli bone ke ni restu —kiel antaŭe restis niaj praavoj— fide kredantaj je tiuj miraklaj eventoj, tio estas, fide je tiu kredo kiu fariĝadis heredaĵo de generacio post generacio?

Kial oni vetludas sian plej simplan feliĉecon pro tro da racionalisma traserĉado, foratentante tiun plej simplan staton de beateco kiu vere povas feliĉigi nin meze de mondo kiu sin subaĉetas ĉiutage en la nomo de plej sterila egoismo kaj de senlima kontentiĝemo?

Mi tion diras pente, ĉar en miaj fingroj estas jam, bedaŭrinde, multe —tro!— da neprofitebla ora flugilpolvo de senkulpe alpinglita aŭ maldelikate fingrumita papilio kiu fide venis el la translimo de la fantazio kaj la tradicio, de la legendoj kaj la mitoj.

* * *



La «lumigita» urbo dankeme starigis, modernepoke, tri monumentojn je honoro de tiuj homoj, kiuj estis la kuraĝaj elpensintoj, iniciatintoj kaj realigintoj de la grava kaj kolosa verko —de tiu akvokanalo kiu de tiam, senĉese kaj superabunde, verŝas fluegon de plej ebla riĉeco por konstanta progresado.

Originale verkis en Esperanto
Gabriel MORA i ARANA

---

# LA AŬTORO OPINIAS...

**Intervjuo de la redaktoro de «Boletín» kun Fernando de Diego, tradukinto de la romano de Camilo José Cela «La familia de Pascual Duarte».**

—Samideano Fernando de Diego: La esperantistoj kaj speciale la legantoj de «Boletín» antaŭ la baldaŭa eldono de via traduko en Esperanton de la romano «La familio de Pascual Duarte» de Camilo José Cela, okaze de la Jubilea Jaro de Esperanto en 1987-a, deziras de vi kelkajn komentariojn pri la verko kaj ĝia aŭtoro.

Enkonduke al la demandoj, ni memorigas ke Camilo José Cela estas granda literaturisto en la kastilia lingvo, akademiano pri ĝi kaj fame konata en la tuta mondo pro la menciita verko kaj pluraj

aliaj. «La familia de Pascual Duarte» estis eldonita en kastilia lingvo en 1942-a kaj ĝis la jaro 1963-a, ĝi aperis en la lingvoj itala, angla, franca, sveda, germana, portugala, kataluna, ĉeha kaj galega. Evidente, tio suficas por instigi vin preferi «La familia de Pascual Duarte» por traduki en Esperanton el inter la multaj verkoj de Camilo José Cela. Jen la demandoj:

Kio speciale sugestis al vi preferi la tradukon de «La familia de Pascual Duarte» el inter la multaj verkoj de Camilo José Cela?

—Ja, mi ne entreprenis intence la taskon traduki unu el la verkoj de Cela kaj elekti ĝuste LFDPD. Mian decidon motivis hazarda koincido de kelkaj faktoroj, inter ili, la faktoro de «defio» evidenta en la romano de Cela. Mi parolas pri la defio, kiun prezentas la lingvo de la verko —dense riĉa, de komplika sintakso kaj plena je popolaj parolturnoj— al la traduka kapablo de Esperanto. Kompeneble, mi prenis en konsideron ankaŭ la valoran komplekson el literaturaj, sociologiaj, historiaj kaj psikologiaj elementoj, cetere jam vaste analizitaj de multaj en- kaj eksterlandaj recenzistoj.

—Camilo José Cela, naskita en galega urbeto de la provinco La Coruña, havas familie fortan ligitecon kun la angla kulturo. Avo lia kaj lia patrino estis angloj. Ĉu Camilo José Cela per sia literaturo reprezentas la hispanan spiriton aŭ pli bone oni povas konsideri lin universala?

—Mi ne perceptas ian influon de la brita kulturo sur la literaturo de Cela. La spirito de liaj romanoj havas nedubeblan rilaton kun la aparta atmosfero de la beletra realismo hispana, kaj ankaŭ liaj stilo kaj manipulo de la lingvo tuj memorigas la manieron de Quevedo kaj ceteraj reprezentantoj de la pikareska ĝenro. Evidentas ankaŭ la influo de alia genia galego, Ramón María del Valle-Inclán, kies «Tirano Banderas» estas nesuperabla kulmino en la hispanlingva literaturo. Rilate al la tekniko kaj strukturo de



**Ilustraĵo aperinta en «La Familio de Pascual Duarte».**

kelkaj verkoj de Cela —por ekzemplo «La Colmena» kaj «Mazurca para dos muertos», li eble iom ŝuldas al la «segmenta tekniko», se tiel diri, de John dos Passos en «Manhattan Transfer». Verkoj de tute loka karaktero, kiel LFDPD, povas havi transcendan valoron

universalan. Ĉu tio ne estas same la kazo de «Don Quijote»? La fakto, ke la romano de Cela jam aperis en pli ol dudek lingvoj klare pruvas ĝian universalecon.

—«La familia de Pascual Duarte» estas profunda tragedio pri homoj el kamparana malsupera socia tavolo. La verko povas esti konsiderata socie realisma. Ĉu tiu romano de Camilo José Cela povas doni ne bonan bildon pri la kastilia popolo.

—La mizero, la primitiveco kaj la tragedio kiel ingrediencoj de LFDPD ne estas monopolo de Extremadura aŭ de Hispanio. Murdoj kaj barbareco manifestiĝas, pli ofte ol ni dezirus, cie en la mondo, ankaŭ en la mondo laŭdire civilizita. Eĉ, primitiva kruelo pli kompreneblas ol la rafinita, frid-sanga kruelo de, ekzemple, kulturitaj teroristoj. Malico kaj abnegacio, bono kaj malbono kunvivas ĉie, ankaŭ en Extremadura, kaj kiam Cela reliefigas en la romano la negativajn elementojn, li ja priskribas parton de la reala vivo, sed samtempe li alegorie pentras aspektojn de la morala kaj materiala stato de Hispanio tuj post la fino de la civila milito. Ke la tiama diktatura reĝimo konfiskis la libron pro ĝia implicita kritiko politika montras, ke LFDPD interpreteblas de diversaj vid-punktoj ekster la linia malvolvo de la intrigo.

—Ĉu eble la filozofia merito de la verko kuŝas sur la propraj demandoj pri la vivo kaj la morto de leĝe mortkondamnita homo?

—Mi ne scias, ĉu LFDPD entenas ian filozofion. Pascual Duarte, ekzekutota, serĉas konsolon en la religio, kaj liaj meditoj antaŭ lia baldaŭa pereo ne montras apartan profundon aŭ subtilon, kio cetere kongruas kun lia esence elementa karaktero. Li sentas penton, rimorson, rezignacion, sed en la lasta momento lia viv-instinkto sin trudas, kaj oni devas treni lin ĝis la ekzekutilo. La solan filozofion dedukteblan el LFDPD volonte aprobus Schopenhauer mem: la mondo estas plorejo, kie homo lupas kontraŭ homo laŭlonge de la tempoj, kaj kie ĉiuj vojoj kondukas tra malsano, aflikto kaj doloro —ja, ankaŭ inter sporadaj momentetoj de feliĉo— al neevitebla morto.

—Ĉiu el ni nature ankaŭ estas kondamnitoj je morto. Ĉu la meditado de Pascual Duarte pro la certeco de morto en difinita dato fariĝas universala pripensado, ĉar ĉiu homo en iu ajn momento de sia vivo faras al si la samajn demandojn?

—Kondamnitaj je morto... Tio, ĉu la morto estas finfine kondamno aŭ liberigo, havas nur metafizikan valoron. La instinkto proklamas la morton terura, sed la racio, kune kun kelkaj religioj, opinias ĝin ne puno sed rekompenco plej enviinda. La konstanta interbatalado de tiuj du internaj antagonistoj konstituas unu el la ĉefaj kaŭzoj de la spirita mizero de la homo. En la kriza momento de la ekzekuto, Pascual Duarte sentas sin, en plej akuta maniero, batal-kampo de la du diverĝaj fortoj, ĝis fine lia instinkto venkas. Ĉiuj pensantaj homoj en la mondo suferas, kiel Pascual Duarte, similan vivangoron.

# NIAJ GRUPOJ

TENERIFE.—La pasintan februaron kaj pri la temo «Tut-Ank-Amon, la egipta trezoro de eburo kaj oro» prelegis la germana profesoro s-ro Hugo Rollinger, kiu ilustris sian dokumentitan paroladon pre tre interesaj diapozitivoj.

BARCELONA.—Meze de februaro vizitis la sidejon de Barcelona Esperanto-Centro kaj nuna administra sidejo de H.E.F. la japanaj samideanoj s-roj Murao Micitaka kaj Tada Seigo kiuj donacis kolekton de japanaj E-revuoj.

GIJON.—En la urbeto Navia, situanta en la asturia marbordo, okazis diversaj aranĝoj kiel fermo de la Esperanto-Kurso tie okazinta.
Prezidis la evento s-ro Manuel Bedia, urbestro, kaj pluraj estraranoj de Astura Esperanto-Asocio. Unue, okazis la ĝenerala ekzameno al kiu submetiĝis la 23 gelernantoj de la kurso.
Sekve, en la kazino de la urbeto, okazis folklora kaj kultura aranĝo, kun disdonado de diplomoj al la sukcesintoj.
Tiu ĉi kontentiga evento en urbeto Navia, finiĝis per komuna tagmanĝo en fama restoracio, kiu malvolviĝis en grava kaj tre amika etoso.



**Dekstre: Vicsekretario de HEF, s-ro Josep Miranda, s-roj Murao Micitaka kaj Tada Seigo, kaj la Sekretario de BEC José Conesa**

VALLADOLID.—La 9-an de majo okazis speciala aranĝo en la nova sidejo de la Grupo Fido kaj Espero». Post paroladetoj de la Prezidanto kaj Sekretario de la Grupo, informante pri diversaj realigotaj planoj, la ĉeestantaro kiu plenigis la ejon, en amika etoso manĝetis kaj trinketis.

MANRESA.—La 16-an de majo kaj aranĝite de la Esperanto-Grupo «Casal d'avis» prelegis pri la temo «Esperanto, hodiaŭ» la Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio s-ro Salvador Aragay.

# INFORMO DE LA REDAKCIO

La Redakcio de «BOLETIN» antaŭdankas la alsendon de Informiloj Bultenoj, raportoj, pri esperantaj festoj kaj okazaĵoj de la Esperantaj Grupoj por aperigi ili en la revuo. Ankaŭ interesas ricevi fotojn, **prefere blanka-nigrajn** por ilustri la raportojn kaj informojn.

**Giordano Moya**

# LA REALO KAJ IDEALO DE ESPERANTO

**Prof. d-ro So Gilsu**

Multaj kutime diras, ke la REALO kaj IDEALO estas tute malaj, kaj sekve alternativaj. Kaj pli multaj asertas, ke REALISTOJ ne konsideras IDEALON kaj IDEALISTOJ ne REALON. Mi ne neas la tuton de la argumento, sed mi ŝatus diri ke REALISTOJ ofte ne konsideras idealon, dum idealistoj certe suferas pro realo, ĉar la idealo bazita sur ekster la kadro de realo estas tute ne realigebla

Sed ni imagu la realon, kiu ne baziĝas sur la idealo; tio estus vere seka, senespera kaj sendignifa. Mi nun ne memoras ekzakte la nomon, sed iu prave diris, ke la fino de la mondo venos nek de inundo nek de fajrego, **sed de la morto de la lasta idealisto**. La mondo, sur kiu ekzistas neniu realisto, estos vere terura: Neniu diros pri estonteco, nenio estos pli valora ol la propraĵoj, nenie troviĝos amo, kompato, pardonemo kaj intimeco, sed tie regos nur avara profitamo, egoismo, malamo kaj malpaco. Tia mondo ja estos nur kaoso, kiun oni ne povas nomi «la homa mondo».

Ni devas havi IDEALON ne por la idealo mem, sed por doni ian signifon al nia reala vivo. La IDEALO estas tio, kion oni rigardas la plej nobla celo, kaj al kio oni strebas, Kaj tial homoj, kiuj havas IDEALON, havos ĉiam esperoplenan vivon, eĉ kiam ili ne povos plene atingi la celon. Konklude dirite, la REALO kaj IDEALO ne estas du apartaj, sed unu sama.

Ĉu Esperanto estas ankoraŭ IDEALAĴO?

Aŭ ĉu Esperanto estas jam REALAĴO?

Esperanto estis certe IDEALAĴO en siaj komencaj jaroj. Tial oni pensis, ke partopreno en la plano donos grandan malutilon al ili. Tiajn ekzemplojn ni povas vidi eĉ antaŭ la publikiĝo de Esperanto.

La patro de Klara Zilbernik, la bopatro de Zamenhof, estas tiu, kiun ni povas konsideri la unua. Li estis simpla komercisto, sed kiam li aŭdis pri la plano de Zamenhof, li diris: «Grandega la projekto! Nobla la celo! «Kiam li decidis edzinigi sian filinon al idealisto Zamenhof, multaj konatoj, amikoj konsilis lin: «Veran viron mongajnantan kaj realan vi elektu, ne revulon!». Sed li diris al sia filino: «Geniulo estas via Ludoviko, filineto mia, vi havos sanktan taskon. Ĵaluze ankaŭ mi dezirus helpi lin». Li kuraĝe elektis la IDEALON malgraŭ la multaj malfavoraj cirkonstancoj. Post cent jaroj de la afero, ni klare vidas, ke lia decido ne malutilis lian vivon, sed male donis grandan signifon al lia simpla vivo.

Zamenhof mem estis tre maltrankvila, kiam li ricevis perme-

son de la cenzuristo en la 14a de julio 1887a. Unuflanke malpacienco, aliflanke timo lin agitis. Vivo de Zamenhof reliefe diras tion:

«Mi estis tre ekscitita antaŭ tio ĉi; mi sentis, ke mi staras antaŭ Rubikono, kaj ke de la tago, kiam aperos mia broŝuro, mi jam ne havos la eblon reiri; mi sciis kia sorto atendas kuraciston, kiu dependas de la publiko, se ĉi tiu publiko vidas en li fantaziulon, homon, kiu sin okupas je flankaj aferoj; mi sentis, ke mi metas sur la karton tutan estontan trankvilecon kaj ekzistadon mian kaj de mia familio; sed mi ne povis forlasi la ideon, kiu eniris mian korpon kaj sangon, kaj... mi transiris Rubikonon. Ĉi tie ni vidas la terure grandan suferon de Zamenhof de la REALO kaj IDEALO. Li tamen transiris Rubikonon.

Ni vidu la realan vivon de Zamenhof post geedziĝo: La 9an de aŭgusto ili geedziĝis, kaj enloĝis tre modestan ĉambreton en Varsovio. Tie kun edzino li komencis dissendadon de la broŝuro al gazetoj kaj personoj ĉiulandaj. Ŝi skribadis nomojn kaj adresojn, enpresigis anoncetojn en ĵurnaloj. Tiel pasis la monatoj de la komenca kunvivado. Ĉu vi pensas, ke ilia mielvojaĝo kaj komenca kunvivado estis tre malluksa kaj malriĉa? Ne, ili tamen estis feliĉaj, sciante eternigi sian amon per tuja semo de la komuna IDEALO.

Post la dissendado de la Unua Libro, ilin minacis dubo malespera: Kiel estos akceptita la libreto? Ĉu ĝi simple falos en silenton kaj forgeson? Ĉu homoj blinde eĉ ne legos frukton de dekjara laborado? Ĉu vi pensas, ke ili suferis pro la vana strebado de IDEALO? Ne, mi kredas, ke vi ja bone scias la valoran ĝojon, kiun oni povas havi post longa penado post granda maltrankvilo.

Unu post alia ekvenis respondoj. Demandoj, konsiloj, aproboj, aŭ fervoraj leteroj. Eĉ kelkaj estis jam skribitaj en la nova lingvo, Zamenhof tamen ne povis okupi sin en sia IDEALA laboro, ĉar li devis perlabori vivrimedon por sia familio.

Zamenhof mem estis la unua modelo, kiu montris la fakton, ke la REALO kaj IDEALO ne estas du apartaj sed unu sama. Tage li amike kliniĝis super lacaj laboristoj kaj palaj kudristinoj, kiuj fidis lin. Sperto kaj studado lin estigis baldaŭ rimarkinda specialisto. Tiel li vivadis ĝis la morto, tre modeste, tre malriĉe, for el ĉia lukso. Vespere li okupiĝis en verkado, tradukado, korespondado por disvastigi kaj riĉigi Esperanton.

De 1900-a ĝis 1905-a Esperanto progresadis rapide. En dek du landoj ekfondiĝis grupoj kaj gazetoj. En Francujo gravaj societoj gin subtenis. Aliĝis jam konataj scienculoj. La movado iĝis vasta. Tiam la unua kongreso de esperantistoj estis kunvokita en Boulogne-sur-Mer la 5-an-13an de aŭgusto 1905-a, en kiu kolektiĝis 688 anoj.

Mi kuraĝas diri, ke tiam Esperanto jam havis certan bazon sur REALO. Post la evento Esperanto neniam ĉesiĝis sian paŝadon malgraŭ la tempoj jen stagnaj, jen progresaj.

Multaj homoj tamen asertas, ke Esperanto estas ankoraŭ nura IDEALAĴO, kun la demando **«kiom da esperantistoj nun ekzistas sur la tero»**? Ni ne povas precize kalkuli kiom da esperan-

tistoj nun ekzistas en la mondo, sed la situacio kompare kun tiu en la komencaj jaroj de Esperanto multe pliboniĝis. Esperanto jam disvastiĝis en pli ol cent landoj, ni havas samideanojn en ĉiuj kontinentoj, la okulfrapa progreso de tekniko tre proksimigis malsamajn landanojn, moderna vivo ja fariĝis internacia, kaj la nomata novnaciismo pli kaj pli forte kontraŭstaras al la regado de potencaj lingvoj.

Kelkaj demandas: «Ĉu vi do uzas Esperanton por demandi vojon, rezervi hotelon kaj butikumi dum la vojago en fremdaj landoj?» Kompreneble ankoraŭ Esperanto ne estas uzata en ĉiutaga vivo, sed la fakto ne pruvas, ke la lingvo ne estas realaĵo, kaj ke la lingvo ne havas valoron fariĝi internacia lingvo.

Homoj postulas dekomence perfektan lingvon, kiu estas uzata en la tuta mondo, kiam ili juĝas internacian lingvon. Sed la lingvo, dekomence uzata internacie neniam aperos. Certe multe da tempo kaj multege da klopodoj necesas por esti internacia lingvo. 100 jaroj, dum kiuj Esperanto travivis, ne sufiĉas por plena praktikiĝo de Esperanto en la tuta mondo.

Ni vidu Kristanismon, Budhismon kaj Konfuceanismon, kiuj jam trapasis pli ol 2000 jarojn, kaj kiujn ni diras la plej altnivelaj religioj. Ĉu ili jam regas la tutan mondon? Kiom da homoj sur la tero vere praktikas la doktrinojn?

Ĉu oni povus diri, ke Kristanismo ne estas religio, ĉar ĝi ankoraŭ ne estas praktikata de la tuta homaro, kaj ke Budhismo ne estas religio pro la sama kialo?

Ne, ili estas certe religioj, kvankam ankoraŭ ne la tuta homaro praktikas iliajn doktrinojn. La religioj donas tiom da valoro, kiom la ismoj vere kaj reale praktikiĝas.

Multaj diras, ke ili eklernos Esperanton, nur kiam ĉiuj aliaj parolos ĝin, kaj ke ili ne lernas Esperanton, ĉar ankoraŭ tro malmultaj parolas ĝin. Jam Zamenhof mem donis tre bonan respondon al la demando. «Ĉu vi havos telefonon, nur kiam ciuj aliaj havos la telefonojn? Cu vi ne havos la telefonon, ĝis ĉiuj aliaj en la mondo posedos ĝin? «La telefono estas utila kaj valora, eĉ kiam nur du homoj posedas ĝin. Se cent homoj posedus centoble, mil homoj posedus miloble, la telefono estas utila kaj valora.

Ankaŭ Esperanto estas tute sama kun la okazo de la telefono. Esperanto estas tiom utila kaj valora, kiom ĝi estas parolata. Fakte, Esperanto estas reale uzata, sed la nombro de la uzantoj estas ankoraŭ limigita, kio montra la fakton, ke la distanco inter REALO kaj IDEALO estas granda. Sekve, ni povas trovi la celon kaj taskon de ni, nome, ĉiuj esperantistoj devas proksimigi la distancon inter la REALO kaj IDEALO. Kiel ni povas proksimigi la distancon? Pri tio Zamenhof jam menciis: «viroj kaj virinoj portas siajn ŝtonojn por la granda, grava kaj utilega konstruo».

Ni ne emu tre rapide konkludi, ni ne estu tro hastemaj, sed ni iompostiome senĉese portu niajn stonojn por nia sankta konstruo kun la penso, ke la IDEALO neniam realiĝas sen reala praktiko, kaj la REALO neniam havas signifon sen IDEALO.

# Donacoj ricevitaj por kampanjo E-100

**HISPANA JUBILEA KOMISIONO**

| | Pesetoj |
|---|---|
| Entute jaro 1984-a .. | 12.500 |
| **Ekde januaro 1985-a** | |
| Esperanto Grupo Moia | 2.000 |
| Esperanto Grupo Alicante ................. | 1.000 |
| María Pi Maynar .... | 3.410 |
| M. Manteca ......... | 3.000 |
| A. Escamilla ......... | 200 |
| Heroldo de Esperanto | 200 |
| Entute | 9.800 |

Kasisto Joan Font Civit

**DONACOJ POR H.E.F.-BULTENO**

| | Pesetoj |
|---|---|
| Entute jaro 1984 .... | 8.388 |
| **Ekde januaro 1985-a** | |
| Esperanto Grupo Moia | 2.200 |
| Esperanto grupo Alicante ................. | 500 |
| Cecilia Gutiérrez ..... | 100 |
| Tomás Apraiz ........ | 100 |
| Pedro Alcedo ........ | 100 |
| Pedro Angel F. ...... | 500 |
| Juan Martínez ....... | 500 |
| P. José M. Claramunt. | 500 |
| S. M. Blanco | 5 |
| Entute | 4.505 |



# INTERNACIAJ KONGRESOJ KAJ KUNVENOJ

**56-a ITALA KONGRESO DE ESPERANTO** okazos en la famkonata «suna insulo» Grado (Gorizia) de la 7-a gis la 11-a de septembro. Grado estas ĉarmega urbeto kie pasinteco kaj moderneco kunvivas en perfekta simbiozio. La hoteloj estas komfortaj kaj malmultekostaj kaj ĉiuj estas proksimaj al la luksa kongresejo kaj al la plaĝo. Oni antaŭvidas eksterordinaran tritagan postkongreson ĝis la 14-a de septembro kun ekskurso al Aquileia, al Venecio al Poreo (Jugoslavio), ktp.

**VINTRO EN ORA PRAHA.**—Fervojista sekcio de Ĉeha E-Asocio kaj vojaĝagentejo Ĉedok invitas partopreni internacian renkontiĝon, okazonta de la 15-a ĝis la 20-a de decembro en Hotelo International en la ĉefurbo Praĥa. Oni ofertas interesajn ekskursojn tra kaj ekster Praĥa, fakajn prelegojn, amuzajn vesperojn, tuttaga ekskurso al Karlovy Vary kaj Lidice, k.t.p.

Informoj: Fervojista Sekcio de ĈEA; 110 01 PRAHA-1; Jilská 10 (Ĉeĥoslovakio).

# RECENZOJ, RECENZOJ, RECENZOJ

ESPERANTO POR LA JAROJ DU MIL. 29,5 x 21 cm. tajpita-fotokopiita kun 217 paĝoj en kartona kovrilo. Analiza Skolo. Eldonis la autoro: Luis Mimó Espinalt en Sabadell (Hispanujo) Aĉetebla ĉe Libro-Servo de HEF. Prezo 1.700 p-toj.

Kiel anticipan gvidon por la legantoj de tiu ĉi libro, jam en ĝiaj unuaj paĝoj la aŭtoro reproduktas, krom la zamenhofa diro, ke «En la lingvo internacia oni devas obei nur la logikon», ankaŭ siajn konatajn devizojn: «Centjara tradicio nek sanktigas, nek sankcias eraron» kaj «Logiko estas la fundamento de la Fundamento de Esperanto».

En la prefaco, kiun li titolas «lanco», Mimó kategorie pledas por logika Esperanto, kun reguloj simplaj, precisaj kaj senesceptaj pri ĉiuj gramatikaj partoj, kion li poste resumas en kroma prefaco sub la nomo «ŝildo», jene: «KONCEPTO DE LA ANALIZA SKOLO: Lingvo estas rezonad-afero, ne sankta inspiritaĵo».

Ĉi tiu verko enhavanta la tutan tekstaron de lia «Kompleta Lernolibro de regula Esperanto», kun kelkaj necesaj plibonigoj, estas destinita al elito, kiu volas ĝisfunde studi Esperanton, kaj profite kompreni ĝian konsiston, sed pro praktikeco, la libro estas dividita en du partojn, el kiuj la unua permesas gvidi kursojn por komencantoj sub rigore ĝusta bazo, laŭ kiu oni povas instrui la gramatikajn elementojn necesajn por kompreno de la dua parto, kiu evidente ne logos ĉiujn esperantistojn, ĉar ja ne ĉiuj inklinas akiri altgradan lingvo-nivelon.

ESPERANTO POR LA JAROJ DU MIL, frukto de pli ol 25-jara sistema esplorado kaj kontrolado, en matura aĝo, fontis el elementa koncepto, ke la sintakso de arta lingvo, kvankam kreita aposteriore el naturaj alilingvaj elementoj, devas esti, laŭ vortoj de Zamenhof, matematike preciza, kun fiksaj, simplaj kaj senesceptaj reguloj, kio por si mem implicas nenian rigidecon, kaj ĝi fariĝis ebla pro la konstanto, milfoje kontrolita, ke en la lingvo ESPERANTO, fundamentita sur 16 tre elementaj reguloj, troviĝas ĉiam imanentaj la mankantaj tute precizaj detalaj reguloj, kaj ke ilin ĉiuokaze povas senvualigi la gramatika logiko kaj la leĝo de analogio, pro kiu ne estas aplikebla, tio, kio ne estas ĝenerale aplikebla.

Almenaŭ teorie, se siatempe Zamenhof estus formulinta tiujn ĉi regulojn, en liaj verkoj troviĝus neniu kontaŭdiro neniu sintaksa eraro, kaj ili estus perfekte gvidaj.

En ESPERANTO POR LA JAROJ DU MIL Mimó kompilis kaj kompletigis tiujn eltrovitajn regulojn, ja ne ekskluzive de li, kiujn li estis prezentita en siaj antaŭaj verkoj. Ĉi tiu libro enhavas ĉiujn necesajn, tute precizajn, elementojn por perfekta uzo de la nevaria, neŝanĝebla sintakso, kiu konsistigas tras la tempoj, la strukturon, la veran fundamenton de la lingvo, ne evoluanta per koruptoj, kiel la naturaj lingvoj, ĉar tiaokaze ĝi fariĝus, kiel tiuj ne taŭga por internacia kompreniĝado.

Ĉi tiu klara, stabiliga koncepto gvidas la tutan libron, kies aperon oni devus konsideri epokfara, ĝojiga evento; sed la progreso ĉiam estas

renversa kaj revolucia, kaj ĝi nepre renkontas reagajn rezistojn, eĉ kiam, kiel ĉi-kaze, ĝi signifas nur reveni sur la ĝustan vojon. La aŭtoro submetas ĉi tiun verkon, same kiel la antaŭajn, al la libera kontrolo kaj kritiko de ciuj esperantistoj, sed neniu el tiuj, kiuj havas kontraŭan koncepton provis lingvistike refuti eĉ unu solan el tiaj argumentoj kaj reguloj. Ili preferas trudi silenton kaj eĉ nei, ke en rezonad-rimedo tia, kia estas lingvo, ekzistas logiko.

Tiun ĵus aperintan gramatikon de Luis Mimó Espinalt: ESPERANTO POR LA JAROJ DU MIL, kiu kiel dirite enhavas la tutan tekstaron de lia antaŭa verko: «Kompleta Lernolibro de Regula Esperanto», altnivele pliriĉiĝas pluraj novaj addonoj kaj eĉ interesaj historiaj faktoj, kun kompletigaj notoj pri la verboj kaj pri aliaj lingvo-partoj, krom ĝisfundaj studoj kaj reguloj pri la komparacio kaj pri la refleksivo.

Resume, studema leganto trovos en ĝi trezorejon da lingvo-klarigaj ekzemploj, plejgrandparte Zamenhofaj, kiuj helpos lin profite kompreni kaj majstri la plej delikatajn nuancojn de la Internacia Lingvo Esperanto.

**V. Hernández Llusera**

TIMUR KAJ LA TAĈMENTO, A. Gajdar. Budapeŝto: Hungara Esperanto-Asocio, 1982-a. 72 pagoj. Formato 19,8 x 14. Prezo 350 p-toj. Mendebla ĉe Libro-Servo de H.E.F.

Foje okazas, ke iu romano influas en la animon de normala homo pli efike ol fakaj volumoj, ĉar nia ĉiutaga vivo malhelpas nin konsideri serioze kaj sisteme iujn gravajn aferojn kaj serĉi taŭgajn solvojn al la koncernaj problemoj. Bedaŭrindas, sed okazas. Tamen, pli domaĝe ŝajnas, ke multaj personoj tion koninte ne profitas la situacion por plenumi siajn celojn.

La verkistoj konsistigas aron da personoj tre gardataj de ciu registaro, ĉar ilia nerekta influo tre efikas. Nek pedagogoj, nek politikistoj, nek religioj, nek, ĝenerale, edukistoj influas en la homamasojn pli ol romanistoj, ĉar sintenoj favoraj al la paco aŭ la milito, la respekto aŭ la perforto, la defendo de tradiciaj aŭ progresaj valoroj, k.s. estiĝas pli baldaŭ kiam oni parolas per amuzaj rimedoj.

Nu, A. Gajdar, vole-nevole, per TIMUR KAJ LA TAĈMENTO atentigas ĝiajn legantojn pri la neceso aŭskulti niajn proksimulojn, ĉar foje la plej trafa kriterio apertenas al kunparolanto kaj la miskompreno malebligas la plenumon eĉ de la propraj celoj. Tio evidentas en ĉi tiu verko kie la aŭtoro rakontas la travivaĵojn de Timur (kaj lia bando) prizorganta la feliĉon de la ceteruloj kaj kie la protagoniston ne interesas tiom la pravigo de la helpintoj kiom la trankvileco de lia propra konscienco.

La sindoneco, nepra por feliĉigi la proksimulojn kaj normala en junuloj kaj infanoj, postulas la aperigon de tiaj verkoj. Ili taŭgas por konigi al plenaĝuloj, ke neniu pravas per si mem kaj ke ĉiu homo devas aŭskulti la ceterajn sendistinge.

Kompreneble, la verko de A. Gajdar, ĝuas aliajn kvalitojn, ekzemple, gramatikajn kaj stilajn kaj ili okazigas ĝian tralegon ankaŭ. Tamen, konsentinte ilin mi rimarkas la edukan aspekton de ĉi-tiu romano.

**Andrés Martín**

# Deziras korespondi

Kun hispanaj junuloj, bulgara komencanto, lernanto en la 5-a klaso. S-ro Balajti Zsolt, Jubileum Ter, 2 1 em. 5 ajtó 5000 SZOLNOK (Hungario).

Pri sporto, muziko, filatelio, k.t.p. 39 jaraĝa sportinstruisto. S-ro Filip Ilĉev; BG-5401 SVELIEVO 1-116 (Bulgario).

42 jaraĝa maŝinisto, pri turismo kaj interŝanĝo de b.k. s-ro Hasso Kaingel; Lessingstr. 26; 1502 BABELSBERG (G.D.R.).

Pri ĉiu temo, 11 jaraĝa knabo, komencanto. S-ro Antoine Attard, «Salvador», Edward str. QUORMI (Malta).

Kun hispanaj ĝejunuloj 14-15 jaraĝaj. S-ro Livia SAMU; Koppány-vezer u. 16: 7.400 KOPOSVAR (Hungario).

Pri moderna literaturo en Hispanio, esperante kaj hispane, s-ro Tadeusz Lisowski; Wybickiego 37 m 1; 87-100 TORUN (Pollando).



Vidvino 40 jaraĝa kaj sia filo 13 jaraĝa pri filmo, historio, modo, k.t.p. kaj por interŝanĝo de b.k. S-ino Jarinna Jarecka; Rynek Lazarske 9 n-ro 15 POZNAN (Pollando).

41 jaraĝa agrokultur-inĝeniero pri historio, turismo kaj vojaĝoj. Interesiĝas pri bildkartoj kaj mondmapoj. S-ro Agotai Ede; Kossuth ut 1; H-5052 UJSZASZ (Hungario).

Antonio Marco Botella verkas «Historion de la Esperanta Movado en Hispanujo». Li deziras, ke oni sendu al li notojn pri gravaj historiaj eventoj, fondoj de Esperantistaj Societoj, okazigo de Kongresoj, biografietoj de elstaraj esperantistoj... Sendu la notojn al «FRATECO» esperanta societo. S. Vicente de Paul, 1 50001 Zaragoza.